

# LA VERDA LUPEO – FENIKSO




N-ro 40 | 1978/1 Marto | 9a jaro

## Informilo de la uniĝintaj ELF – AREK – Kluboj

**ELF:** Esperanto Ligo Filatelista
**AREK:** Amika Rondo de Esperantaĵ – Kolektantoj


















## III-a parafilatela ekspozicio

okazis en Budapest de 12–20 novembro 1977. Sinjorino Tereza Radnai akiris oran medalon pro ekspozo de kolekto pri E-stampoj el Hispanio kaj Pollando.

Nia membro Vilmos Radnai ekspozis kolekton da E-glumarkoj kaj ricevis arĝentan medalon. Ni tre kore al ambaŭ gratulas.

## E-sekcio Parafilatelo fondita

Fondiĝis en decembro 1977 ĉe MABEOSZ (Landa Asocio de pm-kolektantoj en Hungario) en la sekcio Parafilatelia Esperantogrupo.

La klubo celas unuigi la filatelistojn, la filakartistojn kaj erinofilojn el la vicoj de la hungaraj Esperantistoj kaj doni al ili utilajn informojn pri novaĵoj.

## "Erinofilio"

Internacie oni uzas "Erinnophilie" por la kolektado de nepoŝtaj memorigaj markoj. Tiu vorto estas kunmetaĵo el germana kaj greka lingvoj. (erinnern-memori) "Erinofilistoj" do estas glumark-kolektantoj.

Ili estas organizitaj en naciaj kaj internaciaj kluboj kaj ĉiujare okazigas ekspoziciojn. En la erinofilia internacia ekspozicio 1976 en Hamburgo/FRG partoprenis ankaŭ glm-ekspozaĵo de FLE sub la titolo "Esperanto".

## R-etikedo "Zamenhofa"

S-ro Hasala konfirmis, ke tiuj poŝtaj signoj ekzistas en du mezuroj: por leteroj kaj por paketoj. Tion ankaŭ jesas s-ano Czesnowicz en Gdynia/PO. Do: ili ne "laudire", sed fakte ekzistas. Volonte mi fotokopie aperigus tiun R-etikedon por paketoj sur la paĝoj de nia informilo.

☆

## Pri la 12a UK en Hago 1924

"Mi ankaŭ posedas karton kun la kongresa stampaĵo. Notindas ke sur mia karto la stampo estis aplikita dorsflanke. Jam delonge mi informiĝis kaj nederlanda neesperantista fakulo asertis ke la kongresa stampo estas privata k ne poŝta. Mia karto estis enpoŝtigita ĉe poŝtoficejo de la kongreso la 11an de augusto 1920.

Mi dume serĉis en mia plena dokumentaro pri la koncerna kongreso kaj nenie mi trovis aludon pri poŝta au pri privata stampo.

La demando pri poŝteco restas, sed, persone, mi dubas ke la stampo estas de poŝta origino."

*– Amouroux –*

## Richard Hirsch atentigas, ke

DA 8 København 1975, aperas kun dato 27.17.75

AU 12 Wien 1954, aperas en du koloroj: nigra kaj malhelblua/violeta

Krome ekzistas por la poŝtmarko, eldonita pro la 50-jara jubileo de la E-movado en Aŭstrio, unuatagaj kovertoj (UTK-FDC). La stampoj sur la UTK same aperas en la menciitaj koloroj.

S-ro Hirsch plue trovis "raketopoŝtan" filatelaĵon kun surpreso de E-stelo k surpreso de e-lingva teksto "Raketprovoflugo". Lanĉita la "raketo" estis 15-3-46 en Oostende/Belgio laŭ la poŝta stampo.

Kore ni dankas al nia amiko Hirsch pro la tre interesaj informoj.




---

### Anonco:

S-ro Richard Wluka deziras akiri tiujn insignojn de E-kongresoj:
UK: 1-50, 54, 60–62, IFEF: 2-5, 8, 10-12, 16, 21, SAT: 1-23, 25–46.
Li proponas vicon da lastjaraj IFEF – kaj SAT – kgr k de UK.
Ankaŭ li estas preta, pagi kotizojn por tiuj membroj, kiuj havas malfacilaĵojn. Bonvolu vidu la dorsflankon de 1977/4-informilo!

*Richard Wluka, D 3000 Hannover 21, Bremerstr. 8*

## Nia membro Richard Hirsch en FRG

skribis, ke li posedas tri variaĵojn de la sta GER 1, nome:

GER 1-1.1 = datstampo Ø 25 mm (22.1.23 1-2 N)
– steloj kun kadro en la teksto

GER 1-1.2 = datstampo Ø 25 mm (1.6.23 1-2 N)
– steloj sen kadro en la teksto

GER 1-2 = datstampo Ø 27 mm (7.8.23 09 N)
– steloj sen kadro en la teksto

Novaperonta sta-katalogo ne ignoros tiujn faktojn kaj oni povas supozi, ke ekzistas kvara variaĵo, nome GER 1-2 ankaŭ kun- kaj senkadraj steloj. Bonvolu kontroli viajn posedaĵojn kaj sciigu la rezulton al la redaktoro!




GER 1-1.1




GER 1-1.2




GER 1-2

## La E-filatela ekspozaĵo de Vana

Apud nia Dolfa Bartoŝik, unu el la E-filatelaj pioniroj, kiu jam dum multaj jaroj sukcese kaj altkvalite propagandis nian Internacian Lingvon pere de filatelaj rimedoj, nun eksplodsimile ekstartis nia Vladimir Vana en la filatelan ekspozan medion. Sur lian ekspozaĵon falis en la pasinta jaro ormedala pluvego. Li merite do akceptu plej sincerajn gratulojn de nia internacia E-filatelistaro. Grave li kontribuis por la bona reputacio, kiun nun havas la E-filatelo en la ĉehaj landoj, kaj la ĉeha filatelo en la mondo. Lia E-filatela ekspozaĵo estas ne nur por E-filatelistoj, sed ankau por ĉiuj aliaj motiv-filatelistoj instruriĉa modelo.

Nia Vana investis en sian ekspozaĵon ne mezureblan tempon al la studado de historiaj faktoj pri la evoluo de planlingvoj kaj de Esperanto. Dum jaroj li prifajlis, poluradis kaj renverse renovigis sian filatelan ekspozaĵon ESPERANTO ĝis al la nuna, apenau superebla formo.

Brile li majstras la filatelan teknikon, kaj li havis tiun kuraĝon, forlasi plej raran materialon, ĉar la kvalito lin ne plene kontentigis.

Pura, sendifekta materialo trovis sian lokon en tiu ekspozaĵo kaj la unuopaj ĉapitroj instruriĉe estas prilaboritaj.

Al nia amiko Vladimir Vana ni deziras multajn pluajn sukcesojn.

| | |
|---|---|
| KLADNO | 77 (Internacia pm-ekspo CSSR/FRG)<br>O r a medalo plus honorpremio |
| PLZEN | 77 (Internacia pm-ekspo CSSR/GDR)<br>O r a medalo plus honorpremio |
| TEMAFILA | 77 (Tutlanda pm-ekspo en CSSR)<br>Granda o r a medalo |

* * * * * * * * *

**Kurt Lindström sciigas,**
Lau informo de Australia E-Asocio ne aperis glumarko "1-a pacifika kongreso".

**S-ro Hirsch sciigas,**
ke lau letero de greka pm-komercisto "privataj" stampoj en Greklando ne eblas. Tio signifus, ke ĉiuj tri grekaj poŝtaj E-stampoj vere estas poŝtaj.

**S-ro Biesiada sciigas,**
ke li pretas sendi ĉiujn materialojn de la lastjara IKUE-kongreso en Czestochowa. Temas pri memoriga medalo, insigno, stampo. Sendube ankaŭ ĉe li haveblas la pola lasta Zamenhof-stampo, kiun s-ro Biesiada prizorgis. (Ni gratulas al li pro tiu belega stampo!) Fotokopio sur la 1-a paĝo.










---

**Karaj kaj estimataj geamikoj!**
Nia kluba kaso estas malplena kiel seka rivero! La pasinta jaro estis por ni deficita kaj la n-ron 1977/4 ni povis aperigi nur tial, ĉar la prezidanto k redaktoro pagis ĉiujn kostojn por presado kaj ekspedo. Ni tial devis altigi nian kotizon k ni petas, baldau egaligi ĝin.

N-ro 1977/4 estis forsendita 15.12.77, sed nur Wluka, Hasala kaj Baniulaitis konfirmis ĝian ricevon ĝis nun. (25.1.78)

Povas okazi, ke ni devos reveni al pli modesta formo de nia informilo, en tiu kazo ni petus je via komprenemo.

*Paulsson/Burmeister*

Membrolisto 1977

AMADEI, Mario
Via Solferino 15
I-40124 Bologna
pm sta

AMOUROUX, Jean
1, rue de Sorede
F-66000 Perpignan
e-filatelaĵojn

BANIULAITIS, Viktor
ab. d. 168
SU-235800 Klaipeda
pm sta tut glm ins

BARTOSIK, Dolfa
Frani Sramka 31
CS-15000 Praha 5
pm sta tut glm ins

BECHTOLDT, Christian
Fichtenweg 14
D-643 Bad Hersfeld
pm sta

BIESIADA, Stanislao
P O Box 599
PL-42217 Czestochowa 17
e-filatelaĵojn glm ins

BOBERG, Justo
Bastuhagsvägen 20
S-12242 Enskede
pm sta

BOURRY, Andre
41, rue F. Coillard
F-18000 Bourges-Asnieres
pm sta tut

BURMEISTER, Rudolf
Box 95-39
DDR-9033 K-M-Stadt
e-filatelaĵojn glm ins

DALET, Jean
2, rue Sadi Carnot
F-92600 Asnieres
pm sta SU-polusaĵojn

DEMMENDAAL, Bep
Ooltgenspaatweg 13 d
NL-3086 NK Rotterdam
pm glm

DENES, Antal
ut. Veres Joszef 27
H-5900 Oroshaza
pm sta

FEKETE, Stefan
Ditroi m 3.II.6/A
H-1137 Budapest
pm sta

FISHER, Conrad
RFD 6 (Shaws)
Meadville Pa 16335 USA
pm sta

FOSCOLO, Hugo
R Issias Correa 484
35774 Paraopea Box 10
Minas Gerais Brasil

GIMELLI, Germano
Via Donato Creti 61
I-40128 Bologna
pm sta glm

GOSLINGA, Dick
v.L.Stirumplein 20-1
NL 10__ Amsterdam
sta

HIRSCH, Richard
Lambertstr. 12
D-643 Bad Hersfeld
e-filatelaĵojn

HUIGEN, A.C.
Vierheemskinderenstr.43
NL-1015 Amsterdam
pm sta glm

LEVICAROV, Lubomir
Bul Lenin 83/107 A
BG-1113 Sofia 13
pm sta

LOPEZ, Emilio Folgado
Ar Montano 15 bajo dcha
Badajoz Hispanio
pm sta glm

KUIJPERS, J.
Lombardkade 85-b-1
NL-3011 ZG Rotterdam
sta

MIKULSKI, Janusz
skr. P. 30
PL-10 001 Olsztyn 1
e-filatelaĵojn

MOLERA, Ramon
Sta. Joaquina 13
Moya Hispanio
e-filatelaĵojn

PALLARES, Evaristo Gil
Apartado 875
Barcelona Hispanio
Ĉiutemaj sta

HEIMLICH, Werner
Fröbelstr. 4
D-304 Soltau
pm sta

HORAK, Odon
Pšenik 7/1
CS-639 Brno 39
e-filatelaĵojn

JELENC, Feodor
97, rue A. Fredin
F-86100 Chatellerault
pm

LINDSTRÖM, Kurt
Jämtlandsgatan 152
S-16220 Vällingby
pm sta glm mon

KÖSZEGFALVI, Gizella
Makarenko 1
H-6800 H'vasarhely
pm glm

MAEKAUA, Haruja
50-304 Edagama-cho
Nishinomiya 663 Japan
e-filatelaĵojn

MIMLITSCH, Paul
69 Blanchard Road
Marlton 0835 N.J. USA
pm sta

OLOS, Milan, Chemicka 18.c.

CS- 972 71 NOVACKY
pm sta

PAULSSON, Ivar
Algatan 3
S-17133 Solna
pm

PRODANESCU, Rosetel Dr.
CP 5817
R-75500 Bucuresti 61
e-filatelaĵojn glm ins

PERALTA, Angel Segura
PK M 2003
Mexiko 1 D.F.Mexiko
pm sta

RANON, A. Molejon
Av de Finisterre 250-6
La Coruna Hispanio
pm sta

SOBIECH, Tomasz
ul. Prosta 4-5
PL-21500 Biala Podlaska
pm sta

STRAIF, Anton
Siedlerstr. 14
A-4300 St. Valentin
pm sta

de SALVO, Antonio
CP 4017
I-00100 Roma Appio
e-filatelaĵojn

TOTH, Pal
H-1173 Budapest
Pesti ut. 117
e-filatelaĵojn glm

VANA, Vladimir
Revolučni 54
CS-31202 Plzen
e-filatelaĵojn

Vláďa Hasala
Valtice 181
ČS-691 42
·E-insignoj,Sta

PEEV, Ivan
Rozova Dolina 9
BG Cirpan
pm sta

RADNAI, Vilmos
PK 40
H-2331 Dunaharaszti
e-filatelaĵojn glm

ROSSEAU, Jack Andre
64, Av Jean Moulin
F-75014 Paris
pm sta

STIFTER, Zdenek
Sunnyside, Box 27215
Pretoria, 0132 R.S.A.
pm sta

STRÖNNE, Anna-Greta
Amiralsgatan 36
S-21155 Malmö
pm sta

TILLEMANN, Jehoŝua
40 ŝirtej-jisrael-str.
IL-26275 Kirjat-Haĵim
pm sta

TREMON, Gaston
31, rue Turgot
F-87000 Panazol
glm

v.d. VEEN, A. Wester
Saenredamstraat 46
NL-1400 Zaandam
pm sta

Wm. J. Mets
4128 C Via Andorra
SANTA BARBARA
U.S.A. 93110 CA

VINCENT, Jeannine
26 bis Rue Milngavle
F-49150 Bauge
pm-sta

WENCLEWSKi, Dr. A.
BP 1825
Lubumbashi , Zaire
pm sta

WULFERS, L. J.
Lindanusstr. 16
NL Nijmegen
pm sta glm

WASILEWSKI, Bohdan
ul. Kmicica 3
PL-05800 Pruszkow-Ostoja
pm sta glm

WLUKA, Richard
Bremerstr. 8
D-3000 Hannover 21
čiujn Esperantaĵojn

Klarigo pri kelkaj uzataj mallongigoj

sta stampo
ms mašinstampo
sms senfina ms
ds datstampo
UTK FDC-Unuataga koverto
tut tutaĵo
ins insigno
glm glumarko
med medalo
ve verda
ru ruĝa
ni nigra
vi viola

## Listo de E-pm

| | |
|---|---|
| 1911 Bayern | 5 pfg kun kupono Esperanto München |
| 1925 Sovetunio | 7 kop Popov – interventisto de radio |
| 1925 Sovetunio | 14 kop la sama |
| 1926 Sovetunio | 7 kop 6a Int. Proletaria E-kgr |
| 1926 Sovetunio | 14 kop la sama |
| 1927 Sovetunio | 8 kop sur 7 kop Popov |
| 1927 Sovetunio | 8 kop sur sama, sed kapstara 8 |
| 1927 Sovetunio | 8 kop sur 7 kop SAT-kgr |
| 1927 Sovetunio | 14 kop 40 j Esperanto, kun filigrano<br>la sama ankau sendenta |
| 1927 Sovetunio | 14 kop 40 j Esperanto, sen filigrano<br>la sama ankau sendenta |
| 1930 Sovetunio | 1 rub Centra Telegrafo Moskvo<br>–dentumo: 10 1/2<br>–dentumo: 12: 12 1/2<br>–kaj sendenta |
| 1930 Sovetunio | 3 rub H.E.S. Volhov-Lenin |
| 1935 Brazilo | 200 Rs 8a int. foiro |
| 1936 Brazilo | 200 Rs 9a int. foiro |
| 1937 Brazilo | 300 Rs 9a brazila E-kgr |
| 1937 Brazilo | 300 Rs Ora jubileo de E |
| 1945 Brazilo | 40 ct 10a brazila E-kgr |
| 1945 Brazilo | 1,20 Crs Portreto de Zamenhof |
| 1947 Bulgario | 20+10 L 30a jubilea E-kgr bulgara |
| 1949 Austrio | 20 gr Esperanto-kgr en Graz |
| 1950 Austrio | aerogram kun sama pm |
| 1953 Jugoslavio | 15 din 38a UK en Zagreb |
| 1953 Jugoslavio | 300 din la sama |
| 1953 Trieste B | 15 din la sama |
| 1953 Trieste B | 300 din la sama |
| 1954 Austrio | 1 ŝil 50 jaroj E en Austrio |
| 1957 Bulgario | 44 st. 50 jaroj BEA |
| 1957 Hungario | 60 fi E 1887–1957 |
| 1957 Hungario | 60 fi la sama sendenta |
| 1957 Hungario | 1 Ft 1859–1917 Autoro de E |
| 1957 Hungario | 1 Ft la sama sendenta |
| 1959 Bulgario | 1,25 Lv 1859–1959 Zamenhof |
| 1959 Pollando | 60 gr 1859–1917 Zamenhof |
| 1959 Pollando | 1,50 zl 1959 Jubilea Jaro Zamenhof |
| 1960 Brazilo | 6,50 Crs Zamenhof |
| 1961 CSSR | 2 Kcs Pm-ekspo PRAGA 1962 |
| 1962 Bulgario | 13 sur 44 stot. 50 jaroj BEA (35a bulgara E-kgr) |
| 1962 Ilando | Pk 1,50 sl 75 jaroj E. |
| 1963 Bulgario | 13 stot. 48a UK |
| 1966 Pollando | Pk 40 gr 20 j E en Pollando |
| 1967 CSSR | 5 Kcs Pm-ekspo PRAGA 1968 |
| 1975 Hungario | Pk 60 f Esperanto |

Krome ekzistas kvarliniaj permanaj nigraj surpresoj (16.8.1941-nazia svastiko – B. ALEX. – valoro), faritaj dum la faŝist-germana okupado en la urbo Bolŝaja Aleksandrovka sur la jenaj pm de Sovetunio:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Centra | Telegrafo | 10 1/2: | 3 rubloj |
| " | " | 12 1/2: | 3 rubloj |
| " | " | 12 1/2: | 10 rubloj |
| " | " | 12 1/2: | 10 rubloj renversita |

Estimataj kolektantoj, en niaj klubaj vicoj estas novaj membroj, al kiuj mankas la jam aperinta E-pm-katalogo. (1967-Vana) Tial ĉi-loke tre simpla listigo de la ĝis nun aperintaj. Katalogajn numerojn mi evitis, ĉar estas multaj diversaj (Zumstein-Yvert-Lipsia), ankaû ne eblas, noti prezojn, ĉar tiuj daure varias.

## Novaj glumarkoj

1973: 3-a Vintra E-Ferio-Budapest
15-a Kataluna E Renkonto-Calelia

1974: Nova Gorica 1934–1974

1975: FFEA Jarkunveno-Epernay
70 jaroj E-flago
Societo Bude Borjan 1945–1975
Brita E-kongreso en Spa
E-tago en Hodmezövasarhely
48-a SAT-kgr en Den Haag. Verdaj, ruĝaj
48-a SAT-kgr en Den Haag. Kofroetikedo-verda

1976: 39-a bulgara E-kgr en Ruse (virino k ponto)
La sama (nur virino)
20-a australia E-kgr
Congres regional (en Francio)
Innsbruck 12a Vintro-olimpiko
Montreal Sport-renkontoj

1977: 32-a kgr de SAT-Amikaro en Bedarieux
61-a brita E-kgr en Hastings
42-a E-kgr en Nova Zelando
37-a IKUE-kgr en Czestochowa
37-a hispana E-kgr en Sabadell
19-a kataluna E-kgr en Cornelia
Regiona E-kgr en Nimes
43-a de "kulturaj centroj" en Arles
E-himno sur kofro-etikedo – RA 77 –
90 jaroj de E (stelo kun Zamenhof)
60-a mortotago de Zamenhof
Sveda E-kgr en Falköping

1978: 30-a IFEF-kgr en Romo (haveblaj ĉe Gimelli)
57-a FLE-kgr en Haarlem (en 4 koloroj)
56-a germana E-kgr en Augsburg
63-a UK en Varna
62-a brita E-kgr en Morecambe

1980: Olimpikaj Ludoj en Moskvo (en 8 lingvoj) (haveblaj ĉe Radnai)

Vidu ankau nian informilon 1977/2

## 20-a kgr de jugoslaviaj E-istoj, ĉu sta?

Tiu kongreso okazis en Prilep. En unu el la ofertolistoj de s-ro Marinko Gjivoje li i.a. ankaŭ proponis stampon de Prilep.

Malgrau miaj pluraj klopodoj, ekscii ion plian, ion detalan pri tiu proponita sta, mi ne sukcesis. Nek originalon, nek fotokopion ĝis nun mi vidis, tial mia peto al niaj klubaj membroj:

Kiu el vi posedas tiun stampon k povus diri al mi ion konkretan, kaj, kiu partoprenis tiun kongreson. Bonvolu informi la redaktoron.

## Sinjoro Kevaliro Germano Gimelli informas:

La 1-an de Septembro 1977 en la sendependa Respubliko San Marino okazis en la kadro de la Centjaro de Pm E-filatela manifestacio en la Palaco de la kongresoj.

La kunvenon salutis Profesorino M. Michelotti, kiu estis la organizantino. D-ro de Salvo prelegis pri la atingaĵoj de la E-movado sur la filatela kampo. D-ro Angiolino el Romo parolis pri "E en filatelio". Sekvis trarigardo de la filatela ekspo, de la E-ekspozicio kaj de la E-stando.

Inter la 11 tre interesaj stampoj, kiujn uzis la poŝto, ankaŭ estas tiu pri la E-filatela kunveno. (RSM 2)

## E-filatela surprizaĵo el Sovetunio

16.11.1977 en Sovetunio aperis nova IMK, kiu memorigas la 50an jubileon de la unuaj IMK de Sovetunio. (IMK: Ilustrita Markigita Koverto). Por ni interese, ke en la ilustraĵo aperas la reproduktaĵo de tiu unua IMK, kun la e-lingva surpreso: FERMITA LETERO. Filatela ekspozicio en Moskvo per ruslingva speciala stampo ankau memorigis tiun jubileon.

---

**Ni bonvenigas novajn klubajn geamikojn:**

S-ro Angel Segura Peralta, Poŝtkesto M 2003, Mexiko 1, D.F. Mexiko
S-ro Hugo Foscolo, Rua Issaias Correa 484, Box 10, 35774 Paraopea, M.G., Brazilo
S-ro Zdenek Stifter, Box 27215, Sunnyside, 0132 R.S.A., Pretoria, Sudafriko
S-ro Jehoŝua Tillemann, 40 Ŝirtej-Jisrael-str., 26275 Kirjat-Haĵim, Israel
S-ro Janusz Mikulski, Skr. P. 30, PL-10-001 Olsztyn, Pollando
S-ro Zsolt Gyarmathy, Poŝtkesto 73, H-5701 Gyula, Hungario
S-ro Lech Koszeniak, Piekna 16 b. m a PL-00-539 Warszawa, Pollando

**Anoncoj**

S-ro A.S. Peralta en Meksikio interŝanĝas pm pri kosmo, fauno flauro, UPU, arto, historio, k.a. en kpl neuzitaj serioj.
Li kolektas E-filatelaĵojn, ins kaj glm, diskojn k E-revuojn.

S-ro Viktoras Baniulaitis, SU 235 800 Klaipeda, ab d 168 serĉas ins, glm k kolorajn bildkartojn sed ankau filatelaĵojn pri arto, flauro k fauno.
Li proponas E-insignojn de Sovetunio k kpl pm-seriojn.

S-ro Albert Vasbinder, Pittsburg, Pa 15 209, 111 Beckert Street, USA en Usono sendas 1 usonan uzitan pm kontrau 2 E-glm.
Korespondas nur angle, au helpe de membro Fisher.

## Nia amiko Amouroux demandas:

"Pere de nia informilo mi volus demandi: Mi posedas (kaj fotokopion sendas) austran poŝtan karton kun enpresita pm je 8 haleroj, kaj presita reklamo die Wien-a E-grupo. Estas nigra la teksto kaj la stelo verda. La eldono probable okazis inter 1917 kaj 1919.

Ĉu tiu tutaĵo estis tiele eldonita lau privata mendo – tiuokaze ĝi estus oficiala E-poŝta tutaĵo – aŭ ĉu E-reklamteksto estis presita post aĉeto de ordinara poŝta karto ĉe la poŝto?"







## Praga 78

Nia membro Vlada Hasala proponis, ke nia renkontiĝo okazu en la du lastaj tagoj de la Tutmonda Pm-Ekspo. Partopreni deziras ankau apud la jam menci-itaj en 1977/4-informilo niaj membroj Mikulski kaj Wasilewski el Pollando kaj Hasala el CS.

Aldone nia amiko Hasala informas, ke oficiale estas akceptitaj la E-filatelaj ekspozaĵoj de niaj membroj Vana kaj Bartoŝik. Pola Filatela Asocio elektis por tiu ekspozicio la E-filatelan ekspozaĵon de amiko Mikulski. Poŝta Ministerio verŝajne denove aperigos pm kun talono, kiu enhavos esperantan tekston.

## UK Varna 78

Bedaurinde min ne atingis informoj pri planita kunveno de filatelistoj. Ankau ne atingis min informo pri eventuale okazinta kunveno en Rejkjavik. Aliflanke neniu anoncis intereson pri tia renkontiĝo, tial restas nur tiu solvo, ke iu surloke kunvoku tian rendevuon filatelistan.

## Novaj stampoj

BRA 27 Sao Paulo SP 1976 15.12 — 30x24
"Dia da lingua international"

BE 15 Verviers 1977 februaro — 35x23
"Esperanto La langue internationale"

RSM 2 San Marino 1977 1.9 — 32
"convegno filatelisti esperantisti"

PO 118 Czestochowa 17 1977 15.12 — 3-eĝa
"90 Rosznica miedz. jezyka Esperanto"

HU 61 Budapest 1977 15.12 — 36
"Esperanto . . ./Zamenhof 1859/1917"

HU 62 Budapest 1977 28.12–2.1.78
"7-a Vintra Esperanto Ferio"

La jubilea jaro 1977 prezentis al ni vere tre agrablan rikolton. 11 landoj ĝojigis nin per 19 novaj poŝtaj E-stampoj. Krome ni povis bonvenigi poŝtan tutaĵon el Sovetunio kaj rekoetikedon el Pollando.

La lasta jardeko do alportis por ni entute 202 novajn stampojn kaj entute ni jam povas nombri 580 stampojn sen afrank- au aliaj stampoj. Kiu el vi kuraĝas, konstati la tute precizan nombron de ĝis nun aperintaj stampoj?









**Prezidanto de la ELF-AREK-Klubo:**
Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3
Poŝtgiro: 51 57 85-4 I. Paulsson, Solna
*Jara kotizo por 1978:* 15 IRK (pagu al Paulsson)

**Redaktoro de la kluba informilo:**
Rudolf Burmeister, DDR 9033 Karl-Marx-Stadt, Wilhelm-Wolff-Str. 1, 30-95-39

---

**ФИЛАТЕЛИСТИЧЕСКАЯ ВЫСТАВКА**




**МОСКВА. 1977**







